2ª jaro - Nº 11 (18) (Publication mensuelle) Novembro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Se vi volas varbi por ni novajn abonantojn, ne forgesu tiun ĉi argumenton :**

**La Pirato estas en tuta Esperantujo la solsola gazeto, kiu havas brikruĝan kovrilon !**

# TARIFO DE L' ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# EPITAFOJ

Dum griza novembrotago mi pilgrimis al la grandurba tombejo kaj en mia notlibreto mi kolektis kelkajn epitafojn.....

### Sur la tombo de unu el multaj

Henriko Ŝaf. — Kruela estis la destin'!
Lin batis sorto kaj edzin',
Sed lia koro lin kompatis
Kaj — ne plu batis...

### Sur la tombo de virino

Babilla mortis, — do ne strange,
Ke rigidiĝis ŝia sango;
Sed tio tamen ŝajnas strange,
Ke ne moviĝas plu la lango!

### Sed kiu estis tiu ino ?

Ĉi tiu ino dum diboĉo
Avidis buŝojn de pekantoj.
Nun kreskas — malgraŭ la pioĉo —
Sur ŝia tombo... nur lekantoj...

### Eminenta profesoro

Jen Pomkaĉ, la profesoro,
Kiu estis tre distrita;
Pro eraro, dum nokthoro,
Trafis morto lin subita:
Lampon li en liton svingis
Kaj sin mem — ho ve! — estingis.

### Filozofo ?

Mi mortis, — sed restos per ŝtona enĉizo
Ĉi tiu saĝdiro, savita de l' perdo:
« La vivo similas al buboĉemizo;
Ĝi estas mallonga kaj plena de... koto! »

Dum griza novembrotago mi pilgrimis al la grandurba tombejo.....

Rosa Meier.




# Eksperiment-kunikloj

Iom post iom pligrandiĝas la nombro de tiuj personoj, por kiuj Esperanto ne plu estas nur amatora ludo, teoria amuzaĵo, sed terura realaĵo.

Efektive, de tempo al tempo, kaj pleje dum la postkongresaj semajnoj, oni raportas al ni pri samideanoj, kiuj, interkonatiĝinte dank'al Esperanto kun alinaciaj samideaninoj, fariĝas poste ankaŭ edzo de l' edzino. Tio estas la seriozaj Esperantistoj. Laŭ la Enciklopedio, ili estas 56.

Pro multaj kaŭzoj, kaj ne nur pro banala scivolemo, estus interese kaj instrue scii, ĉu tiuj dank-al-Esperanto-geedzoj en la sekvo benas aŭ malbenas nian karan lingvon. — Bedaŭrinde, ĝis nun niaj gazetoj registras nur la novan paron kun ĉiaspecaj bondeziroj kaj poste ne plu okupiĝas pri ĝi. Eĉ la longa listo, kiun publikigis la Enciklopedio ne estas sufiĉe kompleta, ĉar, krom pri unu kazo, ĝi ne raportas pri postaj detaloj. (Tiu unu kazo finiĝis cetere per eksedziĝo!) Pro tio tiu listo tro similas al niaj operetoj, ĉe kiuj la kurteno ankaŭ falas, kiam la herooj por eterne unuiĝis. Estas vere, — kiel diris saĝulo — ke opereto devas necese finiĝi kun la geedziĝo, ĉar poste ja komenciĝas la dramo. Sed por ni, konsciaj Esperantistoj, kiuj deziras ĝisfunde esplori la efikon de Esper-

anto ankaŭ sur tiu ĉi kampo, estas necese koni la disvolviĝon de l' dramo.

Ni tial pensas, ke la Esperantaj geedzoj, kiuj ja apartenas al la movado pli ol al si mem, devus ĉiumonate fari raporton laŭ speciale sondanta demandaro, kiun sendube nia fervora amiko kaj edziĝspecialisto E. E. Yelland konsentus prilabori. — Plue, la plej taŭgajn produktojn de tiuj pure Esperantaj familioj oni devus kolekti en modela bredejo, eble en Aspremont, kaj — elektinte por nova unuiĝo la plej Esperantajn ekzemplerojn — oni verŝajne sukcesus, post kelkaj generacioj, produkti la aŭtentikan Esperantan purrasan tipon. Kaj kiam fine naskiĝos la jam de longe atendita ideto kun verdaj haroj, ni povos diri, ke Esperanto alproksimiĝas al la celo.

Sed por tion atingi la Esperantaj geedzoj devos, pli ol ĝis nun, submetiĝi al certa disciplino.

La dejoranta Pirato.



# LA NOVA AKADEMIANO

Nia elita legantaro sendube ankoraŭ memoras la nomon de S-ro Léon Bérard. Antaŭ deko da jaroj tiu sama Léon Bérard estis franca ministro de l' instruado kaj faris kuraĝan paŝon. Li malpermesis Esperanton en Francujo per cirkulero, kies originalaĵo troviĝas verŝajne en la Esperanta Muzeo, en Vieno. Konsekvence, logike kaj dedukte ni ĉiam pensis, ke S-ro Bérard estas kontraŭulo de Esperanto. Imagu do nian miregon, kiam lastan semajnon ĉiuj parizaj gazetoj dissciigis, ke S-ro Léon Bérard estas elektita Akademiano !

Kiamaniere tio estis ebla ? Ĉu niaj akademianoj ne plu rezervas tiun honoron nur al bonaj kaj fervoraj samideanoj ? Ni kuris ventrapide al nia akademia poreterna sekretario, S-ro de Lajarte, kiu bonvolis klarigi al ni : « Vi certe miskomprenis. S-ro Bérard ne eniris la Esperantan Akademion, sed nur la Francan. Vi vidas do, ke la afero estas tute bagatela ! »

Feliĉe !

Ale Ben Tarip.

# Ĉu Esperanto estos malpermesita en Japanujo?

**Malsaĝa konsilo de Jozefo Major endanĝerigis la ŝtatan ekonomi-politikon!**

Ni kompatu tutkore la malfeliĉan japanan popolon, kiu certe ne meritas la multajn punojn, kiuj trafas ĝin. La ĉielo sendis al ĝi ne nur sennombrajn tertremojn, uraganojn, infektajn malsanojn, sed ankaŭ Jozefon Major! Ni kompatu tutkore la malfeliĉan japanan popolon...

Kaj jen la nova katastrofo: En Oomoto Internacia Jozefo Major recenzis la *Notlibron de Praktika Esperantisto,* kiun naive krimis K. R. C. Sturmer, angla anglo. Unuavide tiu recenzo ŝajnas tute senkonsekvenca. Juĝu mem.

La fruaj batalantoj turniĝas en siaj tomboj, akademianoj freneziĝas pro kolero, Jamato Masaharu faris harakirion en nia redaktejo... sed la recenzistoj de nia gazetaro nenion rimarkis. Nova makulo aperis sur nia jam sen tio ankaŭ ne tro pura literatura blazono kaj la atencinto estas denove Sturmer, la nekorektebla. Sed la honto ne povas daŭri. Mi vokas al la konscienco de la mondo, mi vokas al la honesteco de eldonistoj, kritikistoj kaj la simpla publiko: ni ĉesigu la farson.

Ĉar kio estas K. R. C. Sturmer, el literatura vidpunkto? Du foje nulo plus nenio! Kaj el vidpunkto de l' esperanta stilistiko? Absoluta nulo sub nulo! Kaj tia ulo volas kredigi al la mondo, ke li estas speco de miniatura *Gide.* Li eĉ ne hontas fanfarone distrumpeti, ke li estas kontraŭnatura seks-maniulo! Sufiĉas, Sinjoroj kaj Kamaradoj, ni estu seriozaj.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . Kaj mi akuzas la komplezecon de tiuj, kiuj interne same sentas kiel mi mem sed tamen ne protestas. Ili estas kunkulpuloj, senkonsciaj tombofosistoj de l' esperantista vivo publika. Ilia respondeco estas peza antaŭ la estonteco.

*Mi absolute rifuzas detale recenzi tiun ĉi libron.* La devo de kritikisto estas trakti ĉiujn librojn ricevitaj po du ekzempleroj. Tion mi faris. *La libron mi foruzos en la sola konvena maniero por tia speco. Al la legantoj mi konsilas aĉeti ĉiujn ankoraŭ akireblajn ekzemplerojn kaj uzi ilin same. La papero ne estas tro malbona.* — J. Major.

Pri la eminenta recenzisto, nia purmora Jozefo, oni povas pensi, kion oni volas. Tiom longe, kiom oni ne

laŭtigas tiujn pensojn, oni ne pekas kontraŭ la eksteraj signoj de boneduko. Sed tion almenaŭ eĉ enviulo devas konfesi, ke Major restas modeste en sia fako kaj ne arogas al si la rajton juĝi pri literaturaj valoroj. Estante mem laŭprofesie Oomota *kvaronpapeto*, li restas ortodokse en la kadro de sia kompetenteco, kiam li recenzas verkon nur koncerne la kvaliton de l' *pap-ero*. Kaj laŭ tiu ĉi vidpunkto li neniel mallaŭdas la Sturmeran libron, sed — ne miskompreneble — parolas pri ĝia uzebleco. Pli ! Li rekomendas ĝin kaj bedaŭrinde aldonas konsilon : Aĉetu ĉiujn ankoraŭ akireblajn ekzemplerojn kaj uzu ilin sammaniere.

Kio okazis ? Pro la alta aŭtoritateco de Jozefo Major en paperaj aferoj, multaj japanaj amikoj *) tuj kaj senprokraste mendis plurajn ekzemplerojn de la kondamnita libro kaj siaflanke varbis ĉe amikoj.

Kompreneble, la eldonisto de l' libro, en Budapeŝt, eksplodas pro ĝojo. Jam aperis la 30-a eldono de l' Notlibro kaj ankoraŭ ĉiutage alfluas la mendoj, tiel rapide, ke de nun la eldonejo forsendas la volumojn kun paĝoj nepresitaj ! Ĉiutage kvin-dek tunoj da bonkvalita papero forlasas Budapeŝton povagone kaj alvenas en Jokohama poŝipe. — Kaj pro tiu ĉi urĝa laboro la presistoj en Budapeŝt refoje devos prokrasti la finpreson de l'Enciklopedio. Sed...

## La registaro rimarkis ion !

La japanaj doganistoj baldaŭ miris pro tiu subita alveno de papero kaj ne komprenis. Ili raportis al siaj superuloj, kiuj tre zorge enketis pri tiu neordinara fakto. Ĝis nun Japanujo ja estis mem ĉefa paperproduktanto, kiu povus (kaj deziras) liveri paperon al tuta Eŭropo kaj Liĥtenstejn, — kion do signifas tiuj importoj ? Rapide la japanaj aŭtoritatoj malkovris la manovron de Major, kiu evidente, kvankam eble senkonscie, per sia malsaĝa konsilo rekte kontraŭas la eksportpolitikon de l' ŝtato.

Laŭ la lastaj informoj nia bona amiko Major estas arestita. Ĉio rajtigas nin esperi, ke oni baldaŭ ekzekutos lin. Sed aliflanke stariĝas la demando : Ĉu la japana registaro ne malpermesos Esperanton ?

Kaj kiam tia demando stariĝas, ĝi ne baldaŭ sidiĝas.

JULES LARIBOIS.

---

*) Oomoto havas en Japanujo du milionojn da legantoj !

# Enkadriginda Letero

*Estas agrable al ni reprodukti ĉi tie la noblan leteron, kiun ni ricevis de S-ro Gastono Doumergue, ĵusa ĉefministro de Francujo. Ni estas tiom pli fieraj pri tiu ĉi spontanea atesto, ke ni neniel petis ĝin.*

FRANCA RESPUBLIKO

EJO DE L' ĈEFMINISTRO

Parizo, la 8-an de novembro 1934.

Al LA PIRATO.

Miaj karaj amikoj!

Antaŭ ol forlasi definitive la altan postenon, kiun mi okupis ĝis nun, mi sentas la devon esprimi al vi mian dankon pro via lojala sinteno koncerne mian personon. — En tiu ĉi momento, kiam ankoraŭ kruele kalumnias min nesatigeblaj malamikoj, kiam min perfide forlasis ĉiamaj amikoj, mi konstatas kun plezuro, ke rilate al mi vi kondutis tre korekte. Tio estas ja tiom pli alte taksinda, ke vi estus povintaj, fidele al via senrespekta kutimo, karikaturi mian afablan fizionomion kaj altiri la atenton de l' eksterlando pri mia malfeliĉa antaŭnomo. Mi scias, ke Gastono havas tre netan signifon en via bela lingvo kaj tial mi tre kore dankas vin, ĉar vi ne profitis la okazon por anstataŭi ĉi tiun mian ŝatatan antaŭnomon per malbonodora sinonimo kun eta neologisma kungusto. Estu ĉi tiu adiaŭa letero publika atesto pri via delikateco kaj salona takto.

Kore kaj ĉiam pirate via

GASTONO DOUMERGUE.

*Nun oni ne plu riproĉu al ni, ke ni respektas neniun kaj nenion!*

SALA FUMAL.



# Ĝojiga telegramo el Italujo

Antaŭ unu monato, ni ricevis de nia speciala korespondanto en Italujo la jenan telegramon, kiun ni nun rapidas publikigi:

```
Venezia 49700 17 25 23 H 35

TRE GRAVE STOP KASACIA NOVA JUGHO
TOLEROTIGAS MALKASHAN DECSHAJNAN
RAPIDEMAN GEKISADON = TROET
```

En unu el niaj antaŭaj numeroj ni sciigis al eventualaj kongresontoj, ke laŭ la itala leĝo publika gekisado estas puninda. Laŭ la ĵus antaŭ unu monato ricevita supra telegramo oni povas, post kelka cerbumado, kompreni, ke nun la leĝo estos pli tolerema, kondiĉe ke la gekisado havu almenaŭ la ŝajnon de l' dececo kaj ne estu tro malrapidema.

Tiuj, kiuj scias la altan signifon de l' kiso dum Esperantaj kongresoj, ĝojos kun ni pri tiu decido de l' italaj tribunaloj. La aliaj komprenos la signifon de l' kiso post legado de la sekvanta kongresraporto, kiun fidela kunlaboranto sendis al ni jam antaŭ du monatoj, sed kiun ĝis nun ni ne povis publikigi, pro manko de loko.

# Kongreso de Kisoj
## (iomete ankaŭ de Esperanto)

*Kiel niaj malpirataj kolegoj, ni volonte donus propran raporton pri la grava, multkisa, multbiera kaj multsandviĉa Kongreso de Stockholm. Nia speciale komisiita raportanto (kiu ŝajne tre amas jam prete antaŭfinitan laboron!) tamen preferis senpene elpirati el la raporto de unu nia konata gazeto ĝiajn pli sukoriĉajn partojn. Nia elita legantaro esperble pardonos lian sendube provarman, protrinkan, prodigestan kaj ... proflirtan malverkemon.*

... Jam oni renkontas parojn, kiuj flirtas inter si iom pli proksime ol la eksterlandaj standardoj....

Larĝa ŝtuparo kondukas vin al halo. Jen la zumanta abelujo. Iom pli supre poŝtoficejo kun milo da amleteroj....

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La maljunaj konatoj serĉis junajn konatinojn, la junaj konatinoj ankoraŭ pli junajn konatojn.... Oni serĉis malnovajn amikojn, por premi al ili la manon, oni serĉis novajn amikojn aŭ am-aventurojn....

Ni estas certaj, ke tiun vesperon okazis pli da amdeklaroj inter la Esperantistoj, ol U. E. A. sukcesis dissendi da cirkuleroj dum la tuta jaro....

Ĝis malfrua horo la Esperantistoj babilis, ĉirkaŭbrakis sin kaj kisis; ĉu antaŭsigno de — vetera ŝanĝo sur la oficiala Esperanto-ĉielo?...

La Esperantaj paroj kaj geparoj daŭrigadis la flirtadon, la glaciaĵoj disvendiĝadis bone, kiel kutime, pro la natura varmo....

Mi kuris en ĝardenojn, en laŭbojn, kie mi renkontadis la Esperante ĉirpantajn parojn....

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Mi petas — ŝi aldonis — akompanu min al bona restoracio, pagu mian vespermanĝon kaj poste afable foriru, ĉar atendas min agrabla junulo... kaj vi ĝenus nur nin (= *vi nur ĝenus nin?*) kaj poste ankoraŭ skribus en gazeto!...

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ili ĝojis povi kanti en la vagonaro, renkonti sian kunulinon de hieraŭ, promeni man-en-mane sub la famaj idolanaj montoj, kie iam oni oferdonis al dioj homajn korpojn....

Kie hieraŭ, en la antikva prahistoria tempo sango fluis por la dioj, tie hodiaŭ junuloj lingvoflue oferdonadis sian koron al siaj elektitaj junulinoj....

Tie la Esperantistoj dancis kaj flirtis kaj ofte havis la plezuron ekvidi malnovan konaton, kiun ili vane serĉis dum longa tempo!

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

De tie nia eminenta amiko kaj tiom sindona defendinto de tiu Stockholma popolo rigardas la tie malsupre boatantajn feliĉajn parojn....

Tie juna pareto ĵuras al si fidelecon ĝis la Roma Kongreso, kion plezure aŭdus Orengo.

Jen aliaj promesis fianĉiĝi kondiĉe, ke la ceremonion prezidos Carolfi en sia monaĥa vesto....

Carolfi promenas en sia monaĥa robo... Li (aŭ pli ĝuste lia vesto) gajnas la plejajn simpatiojn. Ĉiuj junaj fraŭlinoj ĉirkaŭas lin: talente li scias eviti la maljunajn. Subite sveda ĵurnalistino aliras. Ŝi volas lin intervjui. Ŝia unua demando: Kie estas via edzino? Kaj ĉu ŝi permesas, ke tiom da belaj knabinoj vin postsekvu?... *)

Oni benis la LKK-on, kaj kelkaj kuraĝaj heroaj flirtemuloj diris, ke la venonta kongreso devus okazi dum la tuta semajno en ia sovaĝa arbaro....

Forge ie perdiĝis en Skansena ĝangalo, sed feliĉe ne sola....

S-ro Petit flirtas momente ne kun sia edzino, sed kun iu delegito por per lia voĉo ŝtopi la breĉon de la venonta voĉdono....

La salono 22, kien eniradis la delegitoj, estis gardata de verda gvardio. Ĉiu eniranto devis montri ian signon. Ŝajnis ia framasona kunveno, kiun rajtis partopreni hebreoj kaj germanoj....

Mi aŭdis, ke eĉ la ŝlosiltruo en la pordo estis ŝtopita per vakso, por ke la sanktaj disputoj kaj ampromesaj diskutoj ne eliru. Aŭ ĉu eble oni pro tio ŝtopis ĉiujn truojn, por ke dank' al la tiamaniere plialtiĝinta temperaturo formiĝu ia amalgamo?

Mi ne aŭskultis la dirojn de la ekscititaj sinjoroj, kiuj poste eliris rozvangaj, kvazaŭ iu belulino estus disdoninta tie kisojn al la zorgantoj pri nia oficiala U. E. A.

Dum la fervoruloj grave ekzamenis la staton de nia movado, la junuloj amuziĝis kaj flirtis... ankaŭ en Esperanto...

*Aŭskultu juna Dora,*
*Kiam geedziĝos ni?*

Kaj mi jam revidas la sinpremantajn junajn korojn, kiuj promesas al si multe, multe....

*El unu kongresa raporto trafkike kompilis*

JORIK.



*) Aŭ eble antaŭ-sekvu? (Noto de la kompilinto).

# La enketoj de « La Pirato »

Nia elita legantaro ja scias, ke ĉiufoje, kiam ekaperas grava demando, nia kuraĝa Revuo estas preta por kunutili al kiel eble plej frua solvo. Ni ne bezonas memorigi pri la enketo entreprenita de nia simpatia amiko Jules Laribois pri la internacia ternado *). La vekita intereso estis granda en la mondo. Ni devis dungi tridekon da ekstruloj por detale ekzameni ĉiutage ricevatajn respondojn. Sed ni opinias, ke nenio estas ŝparinda, kiam temas pri objekto rilatanta, de proksime aŭ de malproksime, la internacian vivon.

Nun, ni devas okupiĝi pri afero pli urĝa. (Nia amiko Laribois, kies modestecon ĉiu konas, mem aprobos nin kaj konsentos, se necese, prokrasti sian enketon por plifruigi la jenan) :

La radiostacio de la Tour Eiffel **), en Parizo, prezentis la demandon al siaj aŭskultantoj, sed *franclingve!* La demandintino, S-ino Jeanne Dauriac ***), eble ne vidis la internaciecon de la problemo.

Nia devo estas tuj meti ĝin sur ĝian ĝustan lokon, kaj peti niajn multnombrajn inteligentajn legantojn en la tuta mondo, ke ili bonvolu, pere de nia « Pirato » sendi al S-ino J. D. la plej taŭgajn proponojn por la solvo.

Jen estas la problemo :

Dum la viroj scias kion fari, kiam venas renkonte flago aŭ alia respektinda objekto (stari nudkape aŭ forkuri en flankan strateton), la virinoj neniam estis instruataj pri la farenda simbola gesto. Kaj (laŭ S-ino J. D.) la virinoj deziregas, ke al ili ankaŭ estu trudita salutesprimo por tiaj okazoj.

(Tio estas miriga, jes, tion ni konfesas, sed oni jam rimarkis, ke virinoj — ekzemple dum gravedeco — havas kelkfoje strangajn dezirojn, kaj, cetere, tio estas tute flanka observaĵo, kiun ne atenti ni nepre devas.)

Do, kian geston, movon, sintenon oni povos proponi al la virinoj por esprimi iliajn respektoplenajn sentojn ?

Jam respondoj alvenis al la radiostacio de la Tour Eiffel. Unu proponis ekgenui. Sed tio ne estas ĉiam

*) « La Pirato », julio-aŭgusto 1934.
**) Elparolu : turefel.
***) Elparolu : ĵan doriak.

oportuna: ekzemple kiam pluvas. Alia ŝatus la laŭkrucan etendon de la manoj sur la bruston, kiel faris Jeanne d'Arc ****). Sed ankaŭ kontraŭ tiu propono prezentiĝas gravaj malfacilaĵoj, precipe kiam oni tenas pakaĵojn.

Laŭ la lastaj sciigoj, la ĝusta solvo ankoraŭ ne alvenis.

Ni antaŭvidas kun ĝojo la tagon, kiam ni povos trankviligi S-inon J. D. dirante al ŝi: « Jen estas la respondoj, kiuj alvenis el ĉiuj lokoj en la mondo pri la grava demando cerbumiganta la estraron de la radiostacio de la Tour Eiffel. »

RETSIGOR.

****) Ĉu ni bezonas sciigi, ke oni elparolas ĵandark? Ne! Nia elita legantaro ja scias tion.

## LA POLICISTO - VERDSTELULO

(En multaj progresemaj urboj estas stratoj, aŭ avenuoj, aŭ vojoj, aŭ placoj, kiuj portas la nomon de Zamenhof. Ofte, en tiuj urboj, deĵoras ankaŭ policistoj, kiuj parolas Esperanton.)




— Bonvolu diri al mi, sinjoro trafikdirektoro, kie mi trovos la vojon de Zamenhof?

— Vidu en la Fundamenta Krestomatio, sur paĝo 318!

# Honortribunalo

*Nia bona amiko José Galapagos tradukis en Esperanton la plej voluptajn scenojn el la fama verko « Sinjorino Chatterley kaj ŝiaj dek-tri amantoj ». — Tio estas atenco nedifinebla kontraŭ Esperanto, kiel dirus Jozefo Major. — Tial ĉiuj honestaj homoj ĝojos kun ni, eksciante, ke ĵus kunvenis Honortribunalo por kondamni, kiel decas, nian senskrupulan amikon José Galapagos. Ĉi sube sekvas fidela raporto pri tiu memorinda kunveno.*

Sidas ĉirkaŭ la juĝotablo S-ro Nemroding, kiu prezidas kaj samtempe reprezentas la nordafrikajn ĉastemulojn, — S-ro Mathusalem, delegito de l' Tutmonda Junularo Senpeka, — F-ino Anastazia, ĉefsekretariino de l' Sekreta Cenzuroficejo.

MATHUSALEM. Kion ni faras ĉi.. ĉi.. ĉi tie?

ANASTAZIA. Silentu, jen la prezidanto stariĝas.

NEMRODING. Mi malfermas la ceremonion. Estimataj kolegoj...

ANASTAZIA. Ge-kolegoj!

NEMRODING. Jes, prave, sed ne interrompu. — Do, kion mi ĵus diris? Ha, jes, — vi scias, pri kio temas. Nia senhonta, malvirta malsamideano José Galapagos entreprenis malpian laboron. Li tradukis en la puran Esperantan lingvon putraĵan verkon, verkon, kiun ĉiu el ni konas nur laŭnome, sed tio sufiĉas...

ANASTAZIA. Bonvolu precizigi!

NEMRODING. La verko titoliĝas « Sinjorino Katterley aŭ Tatterley kaj ŝiaj, mi ne plu scias, kiom da amantoj ».

MATHUSALEM. Mi tre scivolemas, ĉu li sukcesis traduki ĉion, ĉar estas kelkaj teknikaj esprimoj...

NEMRODING. Silentu! — Do sinjoro Galapagos malpurigis nian puran lingvon...

ANASTAZIA. Dektrifoje honton al li!

NEMRODING. ...preparis porkaĵon, kiun li eĉ intencas publikigi. Mi estas certa, ke neniu Esperantisto aĉetos tiun libron, — sed intertempe, niaj animoj ploras, niaj koroj vualas sian vizaĝon, niaj okuloj paliĝas pro honto, niaj konsciencoj... (*interrompo! Estas S-ro Mathusalem, kiu ruktis, sed ne tre laŭte.*) Kio okazis?

MATHUSALEM. Pardonu, estas mia stomako, kiu protestas.

NEMRODING. Konsekvence nia komitato decidis, ke tiu infera Galapagos ne plu estas inda porti la Verdan Insignon en sia malvirga butontruo.

ANASTAZIA. Bis! Bis!

NEMRODING. La krimulo tuj staros antaŭ ni kun sia senrespekta literaturaĵo...

ANASTAZIA. Ha tre interese!

NEMRODING. ...kaj estos por ni meritplena memofero trafoliumi kaj juĝi la diritan manuskripton. (*Ordonante al la ĉeestanta policisto*) Pandoro, enirigu la pekulon!

MATHUSALEM. Jes, jes, rapide!

NEMRODING. Silentu! (*Eniras José Galapagos kun la policisto, kiu — tute hazarde nomiĝas Pandoro.*) Ĉu profunda honto kaj pripenta doloro ne ruĝigas vian vizaĝon?

GALAPAGOS. Mi ne kredas.

NEMRODING. Montru la malmoralan skribaĵon.

GALAPAGOS. Jen, — sed ne difektu ĝin.

(*La prezidanto kaj liaj du kunjuĝantoj avide trafoliumas la verkon...*)

NEMRODING. (*sincere*) Mi devas konfesi, ke la traduko estas tute fidela al la originalo.

MATHUSALEM. Efektive, sed montru la scenon pri la... hihihi... pri la...

ANASTAZIA. Ne tro rapide. Ni pesu ĉiun vorton kaj juĝu senpartie. Kion signifas tiu vorto, kiun mi ne kuraĝas elparoli?

NEMRODING. Unu momenton, mi petas. — Sinjoro José Galapagos, restas unu ebleco por savi vian honoron: Ĉu vi permesas, ke ni konfisku vian manuskripton? Pripensu bone vian respondon. Mi demandas unu fojon, — mi demandas du fojojn, — mi demandas tri fojojn!

PANDORO. Unu fojon, — du fojojn, — tri fojojn!

GALAPAGOS. Mi ne konsentas.

NEMRODING. Ni volas nur vian propran bonon. Ĉu pri tio vi dubas?

PANDORO. Du-bas, — tri-bas, — kvar-bas...

NEMRODING. Silentu, Pandoro! (*al Galapagos*) Ne forgesu, ke vi staras ĉi tie antaŭ honora tribunalo!

PANDORO. Tri-bunalo, — kvar-bunalo, — kvin-bunalo...

NEMRODING. Sufiĉas, Pandoro! (*al Galapagos*) Memoru, ke vi estas la honto de via kvartalo!

PANDORO. Kvar-talo, — kvin-talo, — ses-talo...

NEMRODING. Fermu ĝin, Pandoro! (*al Galapagos*) Miaj kolegoj kaj mi konstatas, ke via verko estas kvintesenco de...

PANDORO. Kvin-tesenco, — ses-tesenco, — sep-tesenco...

NEMRODING. Punkto, Pandoro! (*al Galapagos*) la kvintesenco de ĉiuj abomenaĵoj kaj putraĵoj. — Kaj kiam vi tradukis tiun sterkon?

GALAPAGOS. Dum lasta oktobro.

PANDORO. Ok-tobro, — naŭ-...

NEMRODING. Silenton, Pandoro! (*Intertempe Anastazia disputas kun Mathusalem por posedi la plej interesajn foliojn.*) Sinjoro José Galapagos, estas skandalo. Mi miras, ke la pura Esperanta stilo konsentis esprimi viajn malpuraĵojn. Ni tial prenas de vi la rajton porti la verdan stelon. (*Pandoro forprenas la stelon de Galapagos.*) Cetere, ni estas sufiĉe edifitaj, — jam ni legis tro en via manuskripto (*li reenprofundiĝas en la legado*), — kiel... mi... diris..... jam ni su..... fiĉe legis... (*li turnas unu paĝon*).

ANASTAZIA. Ne tiel rapide, — permesu! — Kion ŝi faris?

NEMRODING. ... mi do... ripetas, ke... ni sufiĉe... legis...

MATHUSALEM. (*admire*) Mirinda, grandioza!

NEMRODING. (*decide*) Jen via malĉastaĵo, ĉiuj generacioj vin malbenos. Jen.

GALAPAGOS. Dankon, — sed mankas kelkaj paĝoj (*kiujn li eltiras el la mansaketo de Anastazia*), vi permesas, sinjorino...

ANASTAZIA. Kiel estas eble? Ĉu tiuj malpuraj folioj falis en mian puran saketon?

NEMRODING. Mi fermas la kunsidon. (*Ĉiuj solene eliras. Pasante preter Galapagos, S-ro Nemroding flustras en lian oreltubon*) Se vi publikigos la libron, bonvolu sendi unu ekzempleron al mi.

CONDORCET.



# LA GALERO DE L' PIRATOJ



Sen entuziasmo, kontraŭvole kaj nur devigite, ni prezentas al vi hodiaŭ fraŭlinon Sala Fumal. Ni timas, ke nun, vidinte ŝin, niaj entreprenemaj legantoj provos delogi nian konstantan kunlaborantinon de la vojo de l' virto. Eksciu, karaj amikoj, ke vi perdos vian tempon. Oni ne povas malfermi pordon malfermitan !

Kiel niaj fidelaj abonantoj sendube ankoraŭ memoras, Sala Fumal estas el araba deveno. Ŝi estas piratino laŭ la plej esenca senco de l' vorto. Rigardu nur ! — Ankaŭ en multaj koroj ŝi kaperis. Ŝiaj borantaj nigraj okuloj senerare celas tuj al la vunda punkto (t. e. al la monujo) kaj jen, unu pli ŝi havas en sia kolekto. — Sed verdire, Sala Fumal havas ankaŭ kelkajn bonajn kvalitojn kaj certe ŝi kapablus esti ekzempla dommastrino, ĉar ŝi scias ne nur piki, sed ankaŭ majstre triki kaj fliki. Plue, ne forgesu, ke antaŭ kelka tempo, la 13-an de oktobro 1933, ŝi naskis fileton, la ĉarman Ale Ben Tarip, kies eksterordinare fruan kaj vastan inteligentecon nia elita legantaro jam multe ĝuis. Pri tiu subita naskiĝo ni ne scias, kiu Pariza pirato estas la plej kulpa, sed ni devas konfesi, ke Sala Fumal estas modela patrino, — modela, laŭ vidpunkto de skulptisto !

Fortan tabakon, fortajn aperitivojn kaj delikatajn pantalonetojn ŝi ŝatas, krome ankaŭ ĉiujn emoci-donajn viv-okazaĵojn : pankracluktojn, stratbatalojn, te-kunvenojn, frumatenajn senkapigojn, ktp. Langvore-preme ŝi dancas la tangon kaj la Sfinkso por ŝi ne havas plu sekreton.

Ekzistas virinoj malpli danĝeraj.

Kaj en la proksima numero ni prezentos al vi nian kunlaboranton Nels.

GEROR BRANDER.



# MALBONŜANCO

Apenaŭ duonhoron post apero de nia oktobra kajero, en kiu nia kunlaboranto Condorcet riproĉnomis « jaslaĵo » la frazon : « ... ni timas, ke oni *ne akuzu* nin pri... » ni ricevis poŝtkarton de nia bona amiko, D-ro P. Corret. Kaj nia klera Zamenhofologo pruvis al ni, ke oni trovas similajn « jaslaĵojn » jam ĉe Zamenhof. Ekzemple :

Kvazaŭ la aŭtoroj timas, ke oni ne elmetu ilin al publika malhonoro (Fund. Krest. p. 273).

Nun mi timas, ke ĝi denove blinde ne eksplodu (Hamleto, p. 142).

Timante, ke nia afero ne rompiĝu en la mezo (La Esperantisto, n-ro 11).

Verŝajne pro timo, ke ŝi denove ne ridu (Marta, p. 52/3) ktp.

Kaj D-ro Corret aldonas : « Zamenhof mem klarigis, ke tiaj frazoj esprimas la deziron, ke la ago *ne* okazu. Sendube vi respondos, ke *timo* kaj *deziro* estas reciproke antipodoj. Ankaŭ mi. La Zamenhofa *fakto* restas tamen studinda. »

Jen ni havas ! Kaj nia amiko Grenkamp vere ne havas bonŝancon. Estas nun pruvite, ke eĉ ĉi tiu jaslaĵo ne estas de li.

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Oni petas nin informi nian elitan legantaron, ke niaj fidelaj kunlaborantoj Raymond Laval (la filo) kaj Fernand Laval (la patro) havas krom la nomo nenion komunan kun S-ro Pierre Laval, la nuna provizora franca ministro de l' Eksterlandaj Aferoj. Ni volonte faras tiun servon al niaj kunlaborantoj.

Al S-ro H. L., en M. — Dankon pro interesaj desegnoj. Kelkajn ni intencas uzi. Eble la aliajn ankaŭ.

Al S-ino S. Ĉ., en P. — Jes, ni esperas iri al Firona. Viaj komplimentoj kortuŝis nin. Ankaŭ la nova abonanto. Sinologo estas homo, kiu okupiĝas pri ĉinaĵoj. Ĝis la proksima okazo !

Al Karleto. — Via stranga fenomeno estas bone verkita, tute pirata, sed bedaŭrinde jam tro konata.

Al S-ro F. R., en A. — Espereble vi resaniĝis definitive. La petitaj versoj certe atingos vin... iam. Kore.

Al S-ro L. de L. E., en A. — Bone. Aperos en la decembra kajero. Via poŝtĉekkonto havas simpatian numeron.

**S-ro Naoumoff, 8, rue Quatrefages, Paris-5e, deziras aĉeti la unuan jarkolekton de « La Pirato ».**

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

---

*Aŭstrujo*: S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II*. — Unu jaro: S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo*: Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX*. — Unu jaro: Kr. 20,—.

*Germanujo*: Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61*. — Postscheckkonto: Berlin 293 18. — Unu jaro: RM 2,10.

*Granda Britujo*: The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1*.

*Hispanujo*: S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona*. — Unu jaro: Pesetoj 6,—.

*Italujo*: Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro: Lit. 12,50.

*Japanujo*: Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio*. — Unu jaro: 3,50 jenoj.

*Nederlando*: Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo*. Poŝtĉek-konto: 230 505. — Unu jaro: Guld. 1,25.

*Polujo*: Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa*.

*Svedujo*: S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg*. Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro: Kr. 3,75.

*U.S.S.R.*: Centra Libroekspedejo de Sovetrespublikara Esperantista Unio, - *Moskvo*, Spiridonovka, 15.



**Al ĉiuj novaj abonantoj ni liveros - ĝis elĉerpiĝo - nian junian numeron kun la Ludo de l' Piratoj. Estas pli bone aboni hodiaŭ ol neniam!**